XIIa jaro. N° 175 (3) ☆ Monata ☆ 5 marto 1915

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824.—Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0.40 Fr.** (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## PENSU PRI LA ESTONTECO!

La estimo al la malamiko estas la unua paŝo al reala alproksimiĝo. Ĝi lasas esperigi solvojn, kiujn la sola racio, konsiderante nur la krudajn faktojn, ne kuraĝus antaŭrigardi.

La batalo por la vivo ofte prezentas al ni la okazon konsideri kiel kontraŭulojn individuojn, kies interesoj — pro cirkonstancoj de ni neregeblaj — kontraŭstaras niajn interesojn. Je ĉiu vojturniĝo ni renkontas ilin, kaj je la kontakto de niaj kontraŭaj deziroj, ni interbatalas. Malgranda milito, kiu, same kiel la granda, postulas la streĉiĝon de ĉiuj niaj fortoj, kaj disvolviĝas en la kadro de komune akceptitaj konvencioj. Sed se la kontraŭulo, kiu ĝis tiam restis kontraŭulo nur rilate al niaj interesoj, uzas malkorektajn procedojn, se ni konstatas ĉe li karakteran malsuperecon kaj inklinon al mallojaleco, tiam nia kontraŭeco ŝanĝiĝas en personan malestimon, kiun ne finos eĉ posta reakordiĝo pri interesoj. Al la kontraŭstaro de la materiaj vidpunktoj, aldoniĝas sento pri plena spirita aparteco kaj malestimo. Ne sole la agoj de la „malamiko" vekas nian antipation, sed lia personeco mem.

Kontraŭe, se li agas korekte, aŭ, pli ĝuste, en la limoj, kiujn permesas la ideo pri lojala batalo por la vivo, povas naskiĝi estimo al lia personeco. Tio ne tuj ĉesigas la batalon, sed lasas la esperon, ke ĝi iam finiĝos, kiam malpli akra estos la kontraŭeco de la interesoj. Super la batalkampo de la vivo, la antaŭaj „malamikoj" iam povos fratiĝi kaj konscii pri vivo, ĉe kiu ili batalos unu kun la alia kontraŭ io alia.

La kolektiva animo de la nacioj submetiĝas al samaj influoj. La hazardoj de ŝanĝiĝema politiko, helpataj de la primitiva anarkio, en kiu vivas la nacioj unu rilate al la alia, ofte devigas la popolojn sin reciproke kontraŭbatali. Sed multfoje ne la malamo ilin puŝas unu kontraŭ la alia: kontraŭe, de la milito rezultas jen malamo, jen estimo. Iafoje oni parolas pri la „hereda" malamiko, je kiu de la junaĝo ĉiu homo devas pensi. Se oni tralegas lernolibrojn de historio, oni konstatos, ke eĉ en unu jarcento la „heredaj" malamikoj ŝanĝas ofte; de malamikoj ili transformiĝas en amikojn, same kiel la antaŭaj eternaj amikoj refariĝas „heredaj" malamikoj, barbaraj kaj eksterminda. Kiam pesimistoj deklaras, ke „difinitaj popoloj neniam repaciĝos, ĉar tro da verŝita sango ilin apartigas", oni povas retrankviliĝi rigardante al la historio. Oni vidos, ke popoloj, kiuj verŝis torentojn de sango batalante unu kontraŭ la alia, malgraŭ tio repaciĝis, ne sole sur la papero de la traktatoj, sed — kio estas pli grava — en siaj animoj. Fakte, la verŝita sango ne tiel malproksimigas la popolojn kaj malhelpas ilian amikiĝon, kiel la malestimo, kiun ili havus unu por la alia. La malestimo naskas la malamon, ĝi ankaŭ plifortigas la memestimon, kaŭzo de tiuj blindigaj ambicioj, kiuj kondukis la popolojn al abismo. La nuna milito verŝigas riverojn de sango kaj larmoj. Ĝi estas abomena, kaj tamen la homoj rezignacias, ĉar ĝi aperas al ili kiel kruda naturforto, kontraŭ kiu ili nun ne estas pli potencaj ol kontraŭ tertremo. Post kelkaj jaroj oni forgesos la sangon, la larmojn, la mizerojn, sed se el la nuna milito popolo sentas malestimon al alia, tiam la katastrofo suferigos ne sole nin mem, sed ankaŭ la estontajn generaciojn, ĉar ĉie ĝi estos lasinta ĝermojn de estontaj malpacoj: malestimon, malamon, venĝemon. Ĝuste tio estas timinda. La estanta krizo kreas milojn de malfeliĉuloj. Tion oni ne plu povas eviti, sed estas ankoraŭ tempo eviti, ke ĝi starigu tro da kaŭzoj por estontaj buĉadoj.

En tiu rilato gravan influon havas la demando pri estimo de la nunaj malamikoj unu por la alia. Oni povas ĝin konsideri el du vidpunktoj: estimo pri la ecoj de la malamiko

ĉe la batalo mem, nome kuraĝo, braveco, oferemo, — estimo pri la maniero laŭ kiu la malamiko kondukas la militon, nome humaneco kontraŭ la nemilitantoj, alkonformiĝo je la militleĝoj, ktp.

Rilate al la unua ni rimarku, ke komence ĉiu popolo opiniis siajn batalantojn la plej bravaj, la plej sentimaj, la plej heroaj. Post kelkaj semajnoj la militantoj mem konigis al siaj sampatrujanoj, ke, ĉe la malamiko ankaŭ, braveco, sentimo, heroeco ne estas maloftaj. Pri tio oni konvinkiĝos, legante leterojn senditajn el la batalkampo, aŭ demandante soldatojn revenintajn de ĝi. Ke el ili ne eliras vortoj de amo, oni ne miros, sed plej ofte rilate al la ecoj de la malamiko, ili esprimiĝas modere kaj juste. La malamiko kuraĝe faras sian devon. Ne tute same la diverslandaj militantoj reagas ĉe la emocioj de la batalkampo; ne tute samajn ecojn ili havas, sed eĉ pri tio la faktoj renversis multe da akceptitaj ideoj. Militantoj, kiujn oni diris atakemaj kaj neobstinaj, montriĝis, laŭ la cirkonstancoj, necedemaj en la rezisto kaj obstinaj, kaj reciproke. Bravaj ili ĉiuj estis, kaj obstinaj, kaj paciencaj, kaj fervoraj, laŭ la necesaĵoj. La realeco ankaŭ montris, ke la tiel nomataj „militistaj ecoj" (braveco, pacienco, sinoferemo, malŝato de l' morto) tute ne estas la monopolo de iu ajn armeo. Tiuj ecoj estas komunaj al homoj de ĉiuj landoj, se nur ili estis taŭge edukitaj laŭ samaj principoj. Al la militkampo ĉiuj iris decideme kaj kuraĝe, ĉar ĉiuj kredis, ke la patrujo estas atakata, kaj sian devon ĉiuj plenumis kun sama fervoro. Tial, iafoje el la komuneco de iliaj sentoj, super la tranĉeoj, ellaboriĝas ladeneto de solidareco, tremanta signo de la iama posta reakordo, dum vi, nemilitantoj, vi, eminentuloj, sangon, venĝojn, ruinigon, vi postulas! Eraraj ideoj disflugis. Sur la batalkampo la viroj montriĝis egalaj, kaj se la sorto volas, ke iam tiuj samaj viroj retroviĝu flanko ĉe flanko dum super ni ĉiuj denove regos la paco, ili povos sen ia kaŝita penso rigardi unu la alian. La malamiko forkuras hontinde nur ĉe la ilustritaj gazetoj. La partoprenintoj je la veraj okazintaĵoj rakontos al vi, ke ne tiel ĝi estas. La maniero mem, laŭ kiu estas farata tiu milito, ĝia restada stato, ĝia longa daŭro, konkludigas je la egaleco de la militistaj ecoj ĉe la batalantoj. Jen estas instruo por ĉiuj, kiuj vidis en la milito decidigan ilon por selektado inter la popoloj. En la realeco, ĝi detruas la pli fortajn homojn, kaj fine ĝi pruvas nenion pri la grado de ilia braveco. Ĝi ja montras ilian organizemon kaj iniciatkapablon, sed tiuj ecoj estas same konstateblaj ĉe paca tempo.

El la batalkampo, je la konstato de tiu egala animo antaŭ la danĝero, la homoj akiros estimon je la kontraŭulo, kaj tiel ellaboriĝos sentoj kapablaj naski alproksimiĝon, kiam la militpasioj estos perdintaj sian akrecon. Kiom ajn da sango fluis inter du popoloj, nenio estas neriparebla, se el la militkontakto kreiĝis estimsentoj, se rigardante unu la alian, neniu popolo sentas sin humiligata en sia animo. En tiu ĉi rilato la nuna milito ĝis nun ne prezentiĝas sub malfavora aspekto.

Sed tre gravan rolon havas ankaŭ la demando pri la maniero laŭ kiu estas kondukata la milito, kaj en tiu rilato, ho ve! la ĝisnunaj konstatoj ne estas esperigaj. La tiel nomataj militleĝoj, krom tiuj, kiuj estas jam enradikigitaj en la kutimon kaj sekve ne plu bezonas esti formulataj, estis ofte tute malrespektataj. Tiu fenomeno ne estas speciala ĉe tiu milito. Ĉe la lasta Balkana milito, pri kiu enketoj povis esti farataj en kondiĉoj de evidenta senpartieco, similaj observoj estis faritaj; la koloniaj militoj aŭ aliaj „civilizigaj ekspedicioj" liveris ankaŭ abundan materialon. Tio ne estu komprenata kiel senkulpigo por la nunaj atencoj, sed ĝi almenaŭ montras, ke tio ĉi estas tro ĝenerala fenomeno por ke popolo povu aljuĝi la monopolon de la kruelaĵoj al iu alia. Cetere pri tiu demando, kiel pri ĉiuj aliaj, kiuj koncernas la interpopolajn rilatojn, singardemo kaj objektiveco estas necesaj. Ofte, tiaj faktoj, ĉar ili kaŭzas teruran impreson, estas trograndigataj. Sama kruelaĵo per disfamigo kaj pasado de buŝo al alia multobliĝas kaj pligraviĝas. Eĉ okazas, ke atestintoj, pro psikologiaj kaŭzoj (sugesto, timo) ne ekzakte tradukas la veron. Plie, pro la diversnaciaj mentalecoj, diferencoj de eduko kaj de fundamentaj vivprincipoj, plena unueco de juĝo ne estas atingebla. Sed, eĉ se oni priatentas tion, oni devas konfesi, ke restos ĉiam granda nombro de abomenaĵoj ne punitaj kaj neniel pravigeblaj, t. e. de agoj, kiujn la milito tute ne necesigis. Kaj ĝuste en tio kuŝas demando tre serioza pri la posta kunvivado de la nacioj en paca stato. Ĝi rilatas al sentoj pri ol al politiko, sed fine la sentoj movas la homon kaj kondiĉigas lian politikon.

Inter tiuj atencoj oni povas apartigi inter la individuaj ekscesoj kaj la kolektivaj ekscesoj. La unuaj estas klarigeblaj. Brutuloj, krimuloj, seksmaniuloj, sangebriuloj, ekzistas ĉiulande. Ni ne miru, ke dum la milito, kiu redonas la homon al la krudaj instinktoj, okazas agoj, kiuj en normala tempo kondukus siajn aŭtorojn rekte al la malliberejo. Ofte la kulpuloj ne estas troveblaj aŭ eĉ ne estas serĉataj, ĉu ĉar tiuj, kiuj devus puni, ankaŭ ne estas senmankaj, ĉu ĉar la militpremado ne lasas tempon por esploroj kaj juĝoj, kiuj ankaŭ en paca epoko ne estas tiel rapidaj. Oni ne kredu, ke nur malkleruloj estas kapablaj je tiaj agoj. La mondo de la sentoj kaj instinktoj estas malmulte influata de la racio. Kleruloj, ricevintaj ĉiuspecajn diplomojn, iafoje havas animon de barbaroj, kiu elmontriĝas libere tuj kiam la sociaj sankcioj malstreĉiĝas. Sed tiuj individuaj krimoj, kiel ajn naŭzigaj ili estas, estas fine absolveblaj, ĉar ĉiu saĝa homo komprenas, ke je tiuj izolaj deflankiĝoj, li ne povas respondigi tutan popolon. Tamen, estas evidente, ke ju malpli de tiaj atencoj okazos, ju pli punataj estos iliaj aŭtoroj, des pli facile malaperos la sentoj de abomeno, kiun ili kaŭzis. Granda nombro de nepunitaj individuaj krimoj fine aspektus same kiel kolektiva krimo permesata.

Pli gravajn konsekvencojn havas, je nia vidpunkto, la kolektivaj atencoj, je kiuj estas responda armeo aŭ parto de armeo, kiel bruligadoj, rabadoj, perforto kontraŭ nemilitantoj, ktp. Tiuj kruelaĵoj postelasas terurajn malamojn kaj venĝsentojn ĉe la suferantoj, kiuj tiam nerezisteble kulpigas la tutan kontraŭan popolon. Certe, la akuzito tiam penas sin pravigi certigante ke tiel agi ĝi devis pro neceseco militista aŭ pro justa respondo al antaŭaj atencoj. Ofte, estas malfacile difini kiu unue estas riproĉinda, sed ofte ankaŭ oni povas klare juĝi, ke pro tre duba atenco aŭ maljustaĵo, oni punas amason de senkulpuloj. Por venĝi unu krimon — kiun humana esploro montrus ofte neekzistanta — oni plenumas cent krimojn tre realajn. Por pravigi tiujn opajn atencojn, oni ne sole pretekstis, ke ili estas militnecesaĵo, bedaŭrinda sed neevitebla; oni ankaŭ pretendis sin apogi sur teorio (kio ajn malnobla okazos, oni ĉiam trovos klerulojn pretajn elpensi teoriojn por ĉion pravigi) nome: „ju pli kruela estas milito, des pli mallonga ĝi estas kaj sekve pli humana. La nemilitanta loĝantaro devas esti tiel tuŝata de la milito, ke ĝi estu devigata alvoki la pacon kaj agitadi por ĝi." La faktoj jam refutis tiun aserton. La nuna milito estas kruela ankaŭ por la nemilitanta loĝantaro; ĝi tamen estas tre longa. La kruelaĵoj kaj la atencoj al la nemilitantoj tute ne instigas la suferantojn al la paco, sed al la venĝemo kaj al profunda malamo direktata ne sole kontraŭ la aŭtoroj de tiuj atencoj, sed kontraŭ la tuta gento. La viktimoj diskonigas siajn suferojn, kaj eĉ se la popolo, al kiu ili apartenas, estus inklina al la paco, sufiĉus, ke ili aperu kaj

rememorigu pri la maljustaĵoj, kiujn ili suferis, por ke la pacaj sentoj cedu al la venĝemo. La ideo pri venĝemo estas profunde enradikigata en la homa naturo; ĝi estas la unua ŝtupo al la ideo pri justeco, kaj kiel ĉiuj pasioj ĝi estas ĉiupova motoro de agado. La milito kruele farita nutras tiun pasion kaj ĝin ekstremigas. Ĝi tute ne akcelas la pacon, kaj ĝi ĵetas ĝermojn de malamo kaj venĝemo, kiuj venenigos la vivon de la popoloj dum multaj jaroj. Certe, per si mem la milito estas abomena kaj kaŭzas pli da viktimoj ol ĉiuj kolektivaj atencoj, sed la homoj akceptas ĝiajn necesaĵojn, kaj, eĉ ne estante juristoj, sentas, kio estas evitebla kaj kio estas neevitebla. La individuajn krimojn ili eĉ fine absolvas, sed la kolektivajn atencojn, plenumitajn ĉu en la nomo de teorioj, ĉu por venĝi izolajn deliktojn, ili ne pardonas. Longan tempon vivos la rememoro pri ili en la animo de la nacio, kiu suferis ilin.

Je la vidpunkto de la estonta paco, kiun eĉ la plej militemaj, deziras longa, tiu demando estas ĉefgrava. El ĝi grandparte dependas la psikologia stato de la popoloj unu rilate al la alia post la milito. Se oni volas, ke la nuna katastrofo estu finpunkto de longa serio de mizeroj, ne la komenco de nova serio, necese estas, ke en la animo de la popoloj ne enradikiĝu sentoj de profunda malamo. Tio havas ne sole sentimentalan, sed ankaŭ praktikan signifon, konsiderindan eĉ de tiuj, kiuj afektas malŝati ĉian idealismon kaj atenti nur la materiajn realaĵojn.

La sanga elprovado de la bataloj montris, ke rilate al la kuraĝo antaŭ la morto ĉiuj popoloj estas egalaj. La kondukado de la milito ankaŭ montru, ke ili havas manojn purajn je ĉiu senutila krimaĵo. Nur tiel ili povos realproksimiĝi sen suspekto kaj sen konsciencriproĉo.

. . . Aŭ ĉu vi preferas, ke eterne ili estu apartigataj per muregoj de malamo, malkompreno kaj malfido?

*H. Hodler.*

 SOCIA VIVO 

## La viktimoj de la milito

II

*V. La militistaj internuloj*

La „Haga speciala konvencio koncernanta la rajtojn kaj devojn de la regnoj kaj de la neŭtralaj personoj okaze de surtera milito“ (18 oktobro 1907) fiksas, ke la subskribintaj neŭtralaj ŝtatoj promesas internigi, kiel eble plej malproksime de la militkampo, la militantajn trupojn, kiuj penetrus sur ilian teritorion, gardi kaj nutri ilin ĝis la konkludo de l' paco, kontraŭ repago de la elspezoj. Informejoj pri tiuj militistaj internuloj devas esti starigataj same kiel por la militkaptitoj. En Svisujo komisiono estis formita por tiu celo; ĝi restadas en Bern. Ne ankoraŭ ŝajnis necese krei centran organizon por kunligi tiujn diversajn informejojn, sed, se la bezono estus sentebla, certe estus, ke ankaŭ tie la Ĝeneva Komitato farus ĉion necesan.

*VI. La civilkaptitoj*

La civilkaptitoj estas tute nova klaso de la militviktimoj. Pri ili ekzistas nenia ajn internacia konvencio. Kiam eksplodis la nuna milito, iuj ŝtatoj ordonis al la civilaj regnanoj de la malamikaj landoj, ke ili forlasu la teritorion en mallonga tempolimo, tute egale ĉu ili nur mallonge restadis en ĝi aŭ jam de longe enloĝiĝis. Oni pensu pri la gastoj de la banlokoj, pri la personoj en libertempa restado, pri la malsanuloj flegitaj en sanatorioj aŭ hospitaloj, pri la interŝanĝataj infanoj, pri multaj oficistoj, metiistoj, ktp. La pli multajn el ili tro malfrue atingis la registara ordono aŭ ial ajn ili ne povis konformiĝi al ĝi.

Post la tempolimo de elpelo, la civiluloj restintaj en la lando estis internigitaj en lokoj kaj devigitaj tie resti; aliaj estis kunigitaj kaj gardataj en militistaj barakoj aŭ en monaĥejoj. La traktado pri tiuj civiluloj, speciale pri tiuj sen monrimedo, ne multe diferencas koncerne la nutradon kaj prizorgadon, je la traktado pri la militkaptitoj. La transporto kaj kunigo de tiuj internuloj en certaj kaptotendaroj kaŭzis profundajn konfuzojn en la interŝanĝado de leteroj kun iliaj familioj. El tio rezultis sennombraj mizeroj. Oni unue provis helpi al izolaj viktimoj, poste oni penis interŝanĝi de lando al alia kelkajn internigitajn junulojn kaj virinojn. Tio estis nur duonrimedo. De tiam Ĝenevano, S-ro Edouard Audéoud, instigis oficialan agadon ĉe la diversaj ŝtatoj por la rehejmigo de la civilkaptitoj. Kunhelpis je tiu iniciato la tiama prezidanto de la Konfederacio, S-ro Hoffmann, konscianta pri la graveco de la suferoj kaj pri la devoj de Svisujo ilin finigi. Al la plej rekte interesataj ŝtatoj, nome al Germanujo, Francujo, Aŭstrio-Hungario, li proponis la peradon de la Konfederacio por rehejmigi tiom da senkulpaj militviktimoj. Per dekreto de la 22 septembro 1914, la Svisa Federala Konsilantaro starigis „Oficejon por la rehejmigo de la civilkaptitoj“, rekte dependantan de la fako de l' eksterlandaj aferoj.

Sed antaŭ ol povis funkcii tiu oficejo, oni devis entrepreni kun la najbaraj ŝtatoj longajn traktadojn, malfaciligitajn tial, ke ili pro la militstato ne plu povis interkorespondi per diplomata vojo. Kelkfoje tiuj traktadoj riskis malsukcesi; antaŭ ili eĉ okazis samcelaj aranĝoj inter aliaj nacioj, kiel Germanujo kaj Rusujo. Oni facile interkonsentis pri la oportuneco rehejmigi la virinojn kaj la infanojn. Sed inter la civilkaptitoj troviĝas multaj viroj mobilizeblaj aŭ kapablaj soldatiĝi. Inter la unuaj multaj, komence de la milito, rapidis el malproksimaj landoj al sia patrujo por militservi, sed ili estas kaptitaj sur ŝipoj, ĉe havenoj aŭ aliloke. Ili estas parto de la militantaj armeoj, sed ne atingis sian korpuson. La dua kategorio entenas homojn ne soldatigitajn, sed soldatigeblajn; ili povus esti alvokataj kun la lastaj rezervoj, aŭ kiam oni mobilizas junulojn. Ekzistas ankaŭ homoj, kiuj preterpasis la soldataĝon, sed povus sin prezenti kiel volontuloj kaj militistiĝi.

Pri tiuj du klasoj de civilkaptitoj: la mobilizeblaj kaj la soldatigeblaj, ne ankoraŭ okazis interkonsento. La aranĝoj pri la rehejmigado, verdire, ne fiksas interŝanĝon kvante egalan de civiluloj, sed ili koncernas nur la virinojn, la infanojn kaj la junulojn malpli ol deksepjarajn. Unue oni volis esceptigi nur la virojn de dek-ok ĝis kvindek jaroj; nun, la limoj estas deksep jaroj ĝis sesdek jaroj.

Por alia tempo oni devas rezervi ĉian juĝon pri la severaj decidoj alprenitaj de malamikaj ŝtatoj. Nuntempe, antaŭ ĉio oni devas plifaciligi la kruelan sorton de la civilkaptitoj. Pro sia geografia situacio Svisujo povas okupiĝi nur pri la rehejmigo de la personoj internigitaj en la najbaraj ŝtatoj. Tamen, oni povos provi la aranĝon de similaj servoj inter aliaj ŝtatoj, sin apogante sur la interkonsentoj faritaj inter Germanujo kaj Rusujo, inter Aŭstrio kaj Britujo, ktp.

Estas esperinde, ke oni ankoraŭ povos plibonigi la sorton de la civilkaptitaj viroj inter dek-sep kaj sesdek jaroj. Novaj intertraktadoj kaj konvencioj povus fiksi, ke ĉiuj personoj maljunaj, malsanaj, nemobilizeblaj kaj ĉiumaniere ne soldatigeblaj, estu rehejmigataj antaŭ la fino de l' milito. Ĉiuokaze oni devus formale de nun deklari, ke la civilkaptitoj de tiu

kategorio estos same traktataj kiel la militkaptitoj. Tiel, ili ĝuus la profitojn de la du Hagaj Konvencioj, kaj oni starigus por ili servojn de korespondado kaj informado. La Agentejo de la militkaptitoj de la Ĝeneva Internacia Komitato tiam povos ankaŭ helpi al tiaj viktimoj, kiam la rehejmiga oficejo estos plenuminta sian taskon.

*VII. La garantiuloj*

En la pasintaj tempoj, por garantii la plenumon de certaj promesoj truditaj al lando aŭ al ĝiaj aŭtoritatoj, oni forkondukis garantiulojn, kies libereco aŭ vivo dependis de la plenumo de tiuj promesoj. Nuntempe, la ŝtatoj, almenaŭ laŭ jura fikcio, ne militas kontraŭ la individuoj, sed kontraŭ la aliaj ŝtatoj. Oni do deklaris, ke la privata propreco estas netuŝebla. Nur la ŝtataj proprajoj uzeblaj por la milito, povas esti forportataj. La garantiuloj do nenion garantias kaj ne povas esti konsiderataj kiel respondaj pro ia ajn neplenumo de promesoj.

Nu, okazas, ke en la nuna milito, iuj militantaj regnoj, ne apogante sin sur ia valora jura antaŭaĵo, kaptas kaj forkondukas, ofte tre malproksimen, la loĝantojn de la malamikaj okupataj regionoj, ĉu por terurigi la enloĝantojn, ĉu por puni certajn spiritstatojn aŭ simpatiojn, ĉu por revenĝi okaze de perfortaj agoj, sed sen ke la forkondukitaj personoj estas iel respondaj pri tio. Tiuj garantiuloj — en la pli larĝa kaj cetere nepropra uzo de tiu esprimo — estas citataj en nenia oficiala interkonsento. Ili ne estas civilkaptitoj, ĉar ili komence de la milito nek loĝis nek restadis en fremda lando: ili troviĝis en la propra lando kaj estis forkondukitaj en la malamikan landon. La sorto de tiuj garantiuloj estas aparte bedaŭrinda; ĝin faras ankoraŭ pli kruela la fakto, ke ili ne havas la eblon komuniki kun siaj samfamilianoj trans la malamikaj armeoj.

Oni komprenas, ke la ŝtatoj ne volonte toleras kontrolon pri homoj, plejparte senkulpaj, kiujn ili tiel traktis. Ili klare lasis kompreni al la ekzistantaj organizaĵoj, kiuj proponis siajn servojn, ke ilia interhelpo por tiaj apartaj viktimoj de la milito ne estas dezirata. Neniu nun sin oficiale kaj konstante okupas pri ili. Estus urĝe rilate al ili malpliakrigi la militseveraĵojn. Oni almenaŭ permesu la rehejmigon de virinoj kaj infanoj, kiujn oni ĉi tie kaj tie forkondukis kiel garantiulojn! La virseksaj garantiuloj, ekzemple pli ol deksepjaraj, havu almenaŭ la favoron esti traktataj kiel militkaptitoj!

*(Daŭrigota.)*

*Prof. D-ro E. Rœthlisberger,*
Direktoro de la svisa oficejo por la rehejmigo de la civilkaptitoj.

Trad.: *A. R.*

## La poŝto de la militkaptitoj

El artikolo de svisa poŝtisto en la jurnalo „Der Bund", Bern, kaj el aliaj dokumentoj

Laŭ la Haga interkonsento de la 18 oktobro 1907 oni devas ebligi al la militkaptitoj la hejman korespondadon. Plie la kontrakto de la poŝta unio kaj la Roma interkonsento garantias al la kaptitoj la senpagecon por iliaj leteroj, pakaĵoj kaj la monsendoj. Interese estas, ke tiu decido estis akceptita laŭ propono de la Belga registaro. Ĉar de la militkomenco ĉesis ĉiuj rilatoj inter la malpaciĝintaj landoj, la poŝtaj interkomunikoj devis esti daŭrigataj trans la neŭtralaj ŝtatoj, ĉefe Nederlando, Svedujo, Rumanujo kaj Svisujo. La 17 aŭgusto la germana ĉefpoŝtestro demandis la svisan registaron, ĉu ĝi bonvolus peradi la poŝton kun Francujo. La svisa estraro volonte konsentis kaj samtempe proponis siajn servojn al Francujo, kiu danke akceptis. Oni fiksis kiel interŝanĝaj poŝtoficejoj: **Frankfurt a. M. 9, Stuttgart 1, München 1, Wien 101, Pontarlier kaj Bern-Transit.** La unuaj sendaĵoj alvenis la 5 septembro el Pontarlier, la 3 oktobro el Frankfurt kaj Stuttgart, kaj la 16 oktobro el München kaj Wien.

*La arango.* Komence unu oficisto en Bern-Transit faris la laboron; je la 20 oktobro tri homoj ne plu sufiĉis. Ĉar intertempe pli ol 5300 svisaj poŝtistoj estis mobilizitaj, oni transdonis la servon al la militista poŝto kaj translokigis ĝin en grandan gimnastikan halon. Nuntempe, en la sama ejo, estas okupataj proksimume tridek el la plej spertaj civilaj poŝtistoj, pagitaj de la svisa ŝtato, kaj la militista poŝto helpas alkonduki sur siaj veturiloj la sakojn, kun ĝis pli ol 160,000 leteroj po tago. Plej ofte la leteroj estas ne ordigitaj, kaj la svisa poŝto rajtus ilin fordoni en tiu stato. Tamen ĝi ne timas la penon kaj klopodas, ke per plej zorgema ordigo la leteroj alvenu plej rapide al sia adreso. Oni do apartigas la korespondadon en pli ol mil kestetoj kaj ŝnurigas specialajn leterpakaĵojn por ĉiu kampo de militkaptitoj, por ĉiu lazareto, por la grandaj urboj de ambaŭ landoj, por ĉiu departemento en Francujo kaj por la oficialaj poŝtaj linioj en Germanujo. Ofte oni devas fari plurajn dikajn leterpakaĵojn por unu sola kampo.

Speciala arto estas necesa por diveni la *adresojn;* ĉar okaze bona Sileziano aŭ ĉarma Baskino havas opiniojn geografiajn tre diferencajn je tiuj de la poŝto. La leteroj el germanaj kampoj surhavas rimarkojn kiel „Geprüft" (kontrolita) aŭ „Der Überwachungsoffizier" (la kontrola oficiro), indikoj, kiujn poste oni retrovas kiel urbaj nomoj. Same alvenas por Francujo leteroj kun la urbo: „Destinataire inconnu" (adresato nekonata), do rimarko de la franca poŝto, kiun oni kredas esti nomo de loko. „Letero al mortinto" estis skribita de Württemberganino. Unua letero de ŝi revenis kun la franca stampo „décédé" (mortinta). La malfeliĉa virino kredis, ke tio estas la nova kampo, kie troviĝas la edzo, kaj sendis al li duan kortuŝan leteron kun deziroj de revido, subskribitan de ŝiaj kvar infanoj. La svisa poŝto enkovertigis tiun leteron kaj resendis ĝin al la hejma poŝtoficejo kun la peto, ke oni singardeme klarigu al la virino la sencon de la franca rimarko.

Ofte la leteroj surhavas neniun indikon de la urbo. Ankaŭ tio ne tro timigas la poŝtistojn, ili scias el listoj kun multe da peno starigitaj, ke la „Marien Krankenhaus" troviĝas en St. Wendel, la „Etappenlazarett I" en Zweibrücken, la „Stühlingerschule" en Freiburg, la „Hôpital temporaire No. 1" en Pau, la „Clinique St-Remy" en Angers, la „Caserne de la Chauvinerie" en Poitiers, ktp. Grava helpo en la servo estas la perfekta scio de ambaŭ lingvoj, kiun havas ĉiuj poŝtistoj. Kiu franca oficisto konas la francan urbon „Bursch"?? La svisa kolego simple pentras blukrajone flanke de tiu adreso: Bourges, kaj la afero estas en ordo. La loko „Morsabe" troviĝas en neniu germana leksikono, oni ŝanĝas en „Amorsäle", scias el la listo, ke tiuj salonegoj estis uzitaj por vunditoj kaj aldonas la koncernan urbon. Verdire multaj adresoj ne estas simplaj, aperas en ambaŭ landoj nomoj de preskaŭ ne konataj urbetoj aŭ militkampoj, ofte kun aldono de familia nomo, de sanktulo por hospitaloj, ktp. Plie la granda nombro de la korespondantoj estas personoj en modesta situacio, kiuj nun devige rilatas kun fremdlando, dum antaŭe ili apenaŭ korespondadis trans la limoj de sia komunumo.

Serĉante indikilojn por bona adreso la poŝtisto estas devigata legi multajn leterojn. Flanke de la kutimaj informoj pri sanstato troviĝas rakontoj kortuŝaj, plenaj je malĝojigaj novaĵoj, dum aliaj leteroj estas bonhumoraj aŭ almenaŭ ridetigas la leganton. Al diversaj leteroj estas eĉ aldonita zorge pintigita krajoneto, por ke „li" tujege respondu. Kaj nun la *enhavo* de la leteroj. Patrino skribas al sia filo: „mi esperas je via honoro, ke vi revenos nur grave vundite,

tiukaze la karto alportas al vi mil salutojn; se estus alie, ne plu revenu". Alia, malpli spartana patrino, kies sento ankaŭ estas bone komprenebla, admonis: „Se vi iras en la fajron, atentu, ke vi revenu kiel la bona porcelano, tio estas ne difektite". Alvenis ankaŭ leteroj kun pafaĵaj truoj kaj sangomakuloj. Franco, vundita en la Argonna arbaro, skribis al sia edzino en krudaj, tricentimetre grandaj literoj, ke ambaŭ kruroj estas frakasitaj kaj ke supozeble li mortos post unu horo. Germana kuracisto sendis tiun leteron al Bern kun la rimarko, ke li mem skribis la adreson, ĉar li trovis la soldaton, mortintan kun la letero en la mano. Kiel pruvon de sindonema flegado ni citas en bona germana lingvo skribitajn leterojn de protestanta pastro en Marseille, kiu informas la gepatrojn pri baldaŭa resaniĝado de iliaj filoj. La morton de vundito li komunikis al la patrino en vortoj de delikata kompato, aldonante, ke li subtenis la vunditon ĝis la lasta momento, kaj ke la soldato mortis alvokante sian karan patrinon. Ankaŭ de germanaj flegistinoj je St. Johanno ni vidis multajn leterojn, en korekta franca lingvo skribitajn, kiuj sin tre afable okupis pri la francaj vunditoj.

Amuza estas la kamparano, kiu admonas la gepatrojn, ke, se ili denove sendos fromaĝon kaj kolbasojn, ili nepre ne forgesu aldoni poteton da mustardo. Aŭ alia, kiu estas furioza, ke ĝis nun ne alvenis pakaĵo kaj tial solene deklaras al sia amikino: „Finite estas, tute finite. Ĉu ci kredas, ke estas agrable vidi, kiel ĉiuj aliaj aliaj disvolvas siajn pakaĵojn, kaj nur mi, via Josefo, ne havas unu. Atendu, je la proksima vilaĝa festo mi ne plu estos la azeno, kiu pagos al vi litron da multekosta vino," ktp. Bonan specimenon liveras lupreninto de ĉasejo. Li bedaŭregas sian devigan foreston de la proksima ĉasado kaj donas pri ĝi detalajn konsilojn al siaj fratoj de St. Huberto. Post du, tri frazoj ripetiĝas konstante la admono, bone atenti je tiu malspritulo apotekisto, kiu ne kapablas diferencigi bovidon de kapreolviro. Jen montriĝus la eterna justeco, ke li nun sidas en la lasta angulo de la mondo dum tiu aĉa apotekisto manĝas en la patrujo la bonajn pecojn kaj laŭplezure malbonigas la ĉasejon. Ni finas kun bonhumora letero de germana verkisto, adresita al sia juna edzino. Post vivoplena priskribo de sia vojaĝo li daŭrigas: „Kian deziregon ni ambaŭ havis, vojaĝi al Sud-Eŭropo. Sed, kiam antaŭ unu jaro ni edziĝis, ni ne posedis multe pli ol 25 markojn, kiujn ja manĝis la hotelestro por la edziga festo. Forflugis ĉiuj revoj pri bela vojaĝo kaj nun, kia miro, mi estas loĝanto de la „Riviera", vojaĝinte sen bileto kaj sen afranko." Li daŭrigas dirante, ke li tre bone sanas; nur estus bedaŭrinde, ke la estro de l' kampo ne havas pli larĝajn ideojn pri la agrablaĵoj de la vivo. Antaŭ kelkaj tagoj la skribanto petis de la estro forpermeson da kvin tagoj por „kontroli" la ludejon en Monaco, kaj, ho ve, anstataŭ la libertempo li ricevis la duoblan tempon de „kesto".

*„La malfeliĉo nin unuigas."*

Mi vidis grandan nombron de fotografaĵoj, kiujn francaj vunditoj sendis hejmen. Estis bildoj el la lazaretoj kun la certigo, ke la malsanuloj estas zorge flegataj. Ofte troviĝas francaj kaj germanaj vunditoj sur la sama bildo. Unu el ili mi neniam forgesos. Ĝi montris, kun brakoj kruciĝintaj, meze francan soldaton kun lignaj kruroj kaj ambaŭflanke po unu germana soldato kun nur unu brako aŭ unu kruro. Supre, la franco estis skribinta: „Le malheur nous réunit." Jen kvar vortoj plej enhavoplenaj. Ĉu ne estus eble, ke la kamaradaj rilatoj inter francaj kaj germanaj vunditoj kaj la raportoj pri tio senditaj al la hejmo, agus kiel silenta, malrapida, sed despli efika rimedo por repacigi kaj alproksimigi ambaŭ heroajn popolojn? Ni esperu ĝin plej kore.

*(Daŭrigota.)* *Ed. Stettler,* Bern.

---

# La flosantaj minoj

Oni ĉiutage povas legi en la gazetoj, ke komerc- aŭ fiŝŝipoj en la Norda aŭ en la Balta maro „tuŝis minon kaj dronis kun la tuta ŝipanaro".

Tiuj minoj, kiuj estas kvazaŭ „dormantaj torpedoj", konsistas el fera ujo plena je forta ŝargo de eksplodaĵoj (plej ofte pli ol 100 kilogramoj de trinitrotolueno) kaj estas enakvigataj tre proksime de la akvosupraĵo per kateno alligata je ferpeco kuŝanta ĉe la marfundo. Eksplodmekanismo estas lokata je la supera parto de la ilo kaj kaŭzas ĝian eksplodon tuj kiam ĝin tuŝas malmola objekto, ekzemple ŝipkorpo.

Tiuj iloj estas enakvigataj je fiksitaj lokoj por protekti kontraŭ la atakoj de la malamikaj ŝipoj; plie, ili estas enĵetataj ĉirkaŭ la bordoj de la kontraŭulo por malhelpi, ke ĝiaj ŝipoj eliru el sia haveno.

Kiam la efikoj de tiuj minoj sin limigas je la detruado de la batalŝipoj de la militantaj landoj, nenio estas riproĉinda: tio estas la milito.

Sed oni rajtas plendi, kiam la submaraj minoj, rompante siajn ligilojn, fornaĝas malproksimen de la difinita regiono, kie ili devis resti; ili tiam fariĝas por la navigado danĝero tiom pli granda, ke ĝi ne estas loka kaj ke ĝi povas transportiĝi ien ajn en la oceano. Vere estas, ke la internaciaj konvencioj ordonas, ke la minoj estu provizataj je aŭtomata aparato, kiu nuligas la agadon de la eksplodaĵo, tuj kiam, rompinte la ligilojn, ili ekflosas. Sed krom tio, ke tiu mekanismo povas ne funkcii, kion valoras nun tiaj internaciaj konvencioj?

Mi ne intencas ekzameni la demandon el internacia juro, sed simple studi, je la oceanografia vidpunkto, la transportkondiĉojn de la minoj nun enĵetitaj en la Kanalo kaj en la Norda maro.

Rompinte la ligilojn — kio povas okazi ĉe uraganaj ventegoj — tiuj minoj estas sub la povo de la marfluoj. Tiuj ĉi estas duspecaj: la tajdaj marfluoj kaj la ĝeneralaj marfluoj.

La tajdaj marfluoj estas alternaj: ili jen iras de la marmezo al la bordo, jen de la bordo al la marmezo. Sub ilia influo la minoj do alternus inter du ekstremaj pozicioj kaj restus en sama regiono de la marsupraĵo. Ili ne transportiĝus malproksimen.

Kontraŭe, la ĝeneralaj marfluoj ebligas tian transportiĝon. Je la unua vico estas la Gulf-Stream. Puŝata de la senŝanĝaj ventoj sudaj kaj nordaj, de la Afrika al la Amerika bordo, la akvo de Atlantiko formas „ekvatoran fluon" de varma akvo, kiu dividiĝas laŭ du branĉoj: unu turniĝas al suda Atlantiko, alia restas en norda Atlantiko. Tiu ĉi siavice dividiĝas laŭ du partoj: unu laŭiras ekstere Antiliojn, la alia enpenetras la Meksikan golfon, varmigas ĝian akvon, kiu trovante kiel elirejon nur la mallarĝan Floridkanalon, eliras kiel vera fluo de varmeta akvo, poste ĝi reatingas la unuan branĉon kaj plirapidigas ĝian iradon tra la oceano.

Elirante de la Meksika golfo, la Gulf-Stream havas preskaŭ konstantan rapidecon de proksimume 7 kilometroj po horo. Ju pli la fluo, vera „varma rivero fluanta inter bordoj de malvarma akvo", plilarĝiĝas, des pli malkreskas ĝia rapideco. Antaŭ la malprofundaĵoj de Nova Tero, ĝia rapideco atingas apenaŭ 4 kilometrojn po horo. Je la 42ª grado de latitudo, la fluo dividiĝas laŭ du grandaj partoj: unu direktiĝas orienten, poste suden; alia iras norden kaj dividiĝas laŭ pluraj branĉoj. Ĝuste tiuj branĉoj nin interesas: unu penetras en la Kanalon, alia en la Irlandan Maron, tria laŭiras la okcidentan bordon de Irlando kaj Skotlando, kaj de tie oblikve direktiĝas al la Norvega bordo, kiun ĝi sekvas ĝis la Norda terpinto, elsendante, maldekstre, sian akvon al Islando, dekstre, laŭlonge de la skandinaviaj kaj rusaj bordoj, al Nova Zemblio.

Ni sekvu tiujn tri lastajn branĉojn: ĉar ili trapasas la Kanalon, la Irlandan maron, la Nordan maron, laŭiras la bordojn de Britujo, ili estos la natura vojo por la flosantaj minoj liberigitaj je iliaj ligiloj. La branĉo, kiu direktiĝas al Islando kaj sekve trapasas la regionojn, tre vizitatajn de la morukaptistoj, havas mezan rapidecon de tri marmejloj en dudekkvar horoj, t. e. kvin kilometroj kaj duono. La branĉoj, kiuj pasas tra la Kanalo, en la Irlanda maro kaj laŭlonge de Norvegujo, ankaŭ malrapide moviĝas, laŭ rapideco, kiu varias de unu ĝis dekdu kilometroj po dudekkvar horoj. Ĉiuj do direktiĝas de sud-okcidento al nord-oriento. Al la nordaj regionoj transportiĝos la vagantaj minoj; ĉirkaŭ Islando kaj laŭ la bordoj de Norvegujo estos endanĝerigata la navigado. Tio estas aparte grava ĉe Islando, pro la multnombro de la goeletoj, kiuj tien ĉiujare kunveturas por la morukaptado; al la jam gravaj riskoj de la ordinaraj periodoj, aldoniĝas la riskoj renkonti flosantan minon, kiu ilin tute enabismigos. Ankaŭ laŭlonge de la Norvega bordo, granda estos la danĝero dum longa tempo: oni rememoru, ke pli ol unu jaron post la sieĝo de Port-Arthur, granda ŝipo estis enakvigita meze de Pacifika Oceano pro renkontiĝo kun flosanta mino devenanta el la reto de la minoj enjetitaj ĉe tiu milithaveno. La trapaso de la Norda maro dum multaj monatoj prezentos gravajn danĝerojn, same kiel ĉe la Balta Maro.

Ĉe Atlantika Oceano sude de la Kanalo, t. e. sude de linio strekota de la terpinto Finistere ĝis Nov-Jorko, oni ne riskos renkontiĝi kun minoj, ĉar ĉiuj fluoj ilin portos norden kaj nord-orienten.

Certe, multaj el tiuj minoj fine alfrapiĝos ĉe la marbordo, kie ili mem detruiĝos. Sed kun teruro oni pensas pri la katastrofoj, kiujn kaŭzos multaj el ili ĉe sia vojaĝo norden, sub la neevitebla puŝado de la marfluoj.

Jen aparte timinda flanko de la milito; ĉar ĝi daŭrigas la detruajn efikojn de la militagoj longan tempon post la paco; plie ofte okazos, ke viktimoj estos neŭtralaj kaj senkulpaj ŝipoj.

*P-ro A. Berger,*
Profesoro ĉe la Oceanografia Instituto.

Trad.: *E. B.*

# *Al niaj abonantoj*

*Ĝis pliboniĝos la cirkonstancoj, nia gazeto regule aperos ĉiumonate.*

*La abonantoj, kiuj estas senpere informataj pri finiĝo de sia reabono, estas petataj kiel eble plej baldaŭ sendi la sumon de 5 frankoj per poŝtmandato aŭ respondkuponoj.*

*Escepte, ni ankaŭ akceptos sesmonatajn abonojn po 2.50 frankoj.*

*La abonantoj, kiuj militservas aŭ estas militkaptitoj kaj nun ne povus sendi sian reabonon, bonvolu nin informi.*

*Ĉar la poŝtmandataj komunikoj de* Aŭstrio-Hungario *kun eksterlando estas interrompataj, la personoj dezirantaj sendi monon (por abono, kotizajo, ktp.) faru tion per valorletero, ĉu aĉetante ĉe banko svisan papermonon, ĉu sendante enlandan monon je la taga kurzo.*

Rusaj abonantoj *povas reaboni per nia Delegito en* Moskvo, *S-ro S. Szabuniewicz, 5, Krivokolennij per. dom Sytov.*

Hispanaj abonantoj *povas reaboni per S-ro P. Linares, H-to S. Basilio,* Cordoba. *ESPERANTO.*

# NOTOJ

.·. **Pri la militkaptitoj.** — La Prezidanto de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco, S-ro Gustave Ador, antaŭ nelonge sendis al la prezidantoj kaj membroj de la komitatoj de la naciaj Ruĝ-Krucaj societoj alvokon, kiu celas krei interkonsenton inter la militantaj regnoj por certigi la saman traktadon al ĉiuj kaptitoj S-ro G. Ador petas, ke la naciaj komitatoj uzu sian influon kaj aŭtoritaton por respektigi la fundamentajn regulojn de la Haga konvencio sur bazo de reciprokeco.

La faritaj de li vizitoj al la kaptotendaroj, ĉu en Francujo, ĉu en Germanujo, permesis altiri la atenton pri la alprenindaj decidoj, je kiuj la aŭtoritatoj ne povus kontraŭstari pro militistaj kaŭzoj.

Jen estas la ĉefaj el tiuj deziresprimoj:

Militkaptito posedanta uzeblan monon devus esti rajtigata, sub la kontrolo de la komandanto, transdoni, per debitigo de sia konto, monhelpeton al malriĉaj kamaradoj. Ĝi estus la praktika realigo de la devizo: inter la bataloj humaneco. Neniu povos esprimi la dolorojn kaj angorojn de la atendado aŭ eĉ nericevo de novaĵoj. Por ilin mildigi, oni petas, ke la komandantoj de la kaptotendaroj respondu al la telegramoj kun pagita respondo, kiujn sendas la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco, kaj kiuj rilatas al la sano de la kaptitoj aŭ de iliaj familioj.

Ĉia pligravigo de la moralaj suferoj de la kaptitoj estas senutila; el tio sekvas la humana devo kontraŭbatali la senagadon kaj la mallaborecon, kaŭzojn de senkuraĝiĝo. Libroj povus esti pruntedonataj al ili, kun escepto de la gazetoj aŭ verkoj pri nuntempaĵoj. Al la oficiroj same kiel al la soldatoj povus esti permesate fari paroladojn pri neŭtralaj temoj, ekzemple sciencaj. La kaptitoj ankaŭ devus havi la eblon ricevi religian helpon de reprezentantoj de sia religio.

La art. 7 de la Haga regularo estas rememorigata: „La kaptitoj rilate al nutrado, kuŝado kaj vestado, devas esti traktataj kiel la samgradaj militistoj de la landoj, kie ili estas internigataj." La kaptitoj povu bani, kaj iliaj ĉambroj estu taŭge hejtitaj.

En la nomo de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco, ĝia prezidanto deklaras, ke „la egaltraktado de la kaptitoj devus esti leĝo inter la militantaj regnoj." La faciligoj, kiujn allasas iu ŝtato, estas la plej nobla maniero instigi ĉe la aliaj ŝtatoj egalan traktadon.

Samtempe, en Parizo kaj en Berlino, S-ro G. Ador ageme klopodas por la interŝanĝado de la militkaptitoj grave vunditaj; tiun iniciaton apogis la svisa Federala Konsilantaro kaj la papo. Ĉio esperigas, ke baldaŭ malaperos la lastaj malfacilaĵoj kaj ke la gravevunditoj ne plu estos konsiderataj kiel militkaptitoj.

.·. **Komitato por pripacaj studoj.** — En Nederlando fondiĝis sub la titolo „Nederlandsche Anti-Oorlog Raad" (Nederlanda Komitato kontraŭ la milito) unuiĝo, en kiu partoprenas la plej eminentaj pacamikoj en Nederlando. Ĝi celas pristudi la diversajn problemojn, kiujn elvokas la terurajoj de la nuna tempo. Antaŭ ĉio ĝi ekzamenos la ĉefgravan demandon pri limigo de la armadoj. Krom tio ĝi studos la jenajn punktojn: pli intima kunlaborado inter la Eŭropaj ŝtatoj; rajto de la popoloj je propra regado; regula partopreno de la parlamentoj en la eksterlanda politiko; imperialismo; libera interŝanĝo; kontrolo de la armfabrikado; punleĝoj kontraŭ la manifestaĵoj de la ŝovinista gazetaro. La Komitato eldonis diverslingvajn alvokojn, ankaŭ en Esperanto. Sekretariejo: Theresiastraat 51, Hago.



# LITERATURO



## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

*Noto:* Krom la du lastaj, tiuj recenzoj estis verkitaj antaŭ la milito.

*N. Telešov,* **Kun Dio,** el la rusa lingvo trad. *E. Oganezov.* Tiflis, Presejo Esperanto. Prezo: Sm. 0. 07.

Tre interesa rakonto pri malfeliĉaj rusaj migrantoj, kiujn la malsato devigas forlasi la naskvilaĝon. Bedaŭrinde la libreto ŝajnas nur nekorektita presprovaĵo. En 30 paĝoj mi notis almenaŭ 40 preserarojn aŭ malkorektaĵojn. Tamen kelkaj paĝoj (8, 9, 18, 21, 25) pruvas, ke la tradukinto estas sperta stilisto, kaj tiu konstato pligrandigas la bedaŭron de la leginto.

* * *

**Tri rakontoj kaj kelkaj versaĵoj,** originale verkitaj de *Rafael de San Millan.* Madrid, Tip. Pasaje del Comercio.

Tre bonhumoraj kaj viglastilaj estas la tri rakontoj: La Domo de la koboldo, la Bandito sangdrinkulo kaj Ĉu en la mondo estas io neutila. La verketo povos liveri agrablan legolibron por la elementaj esperantaj kursoj, sed nur kiam la sprita verkisto estos severe korektinta la tridek preserarojn aŭ malkorektaĵojn de tiu 37-paĝa libreto. Ekz. glorios (glorigos), elspecojn (elspezojn), observis (rimarkis), mi timas (ke) povas okazi al vi malfeliĉon (-o), noktojn malagrablaj(n), sen rememori (ne rememorante), post kisi (kisinte), mi supozas (ke) ili estas, post maldormi (maldorminte), kalmita (trankviligita), post long marŝi (longe marŝinte), sed kial (sed ĉar), antaŭ (ol) alveni...

* * *

**Karaktero,** laŭ *van Stipriaan Luïscius* (tria eldono), Hago, 1914, librejo „Espero". Prezo: Sm. 0. 20.

Tiun broŝuron, tiel bone akceptatan de la esperanta publiko, mi jam recenzis (5 majo 1913). Sekve mi parolos nur pri la nuna eldono, en kiu mi rimarkis kelkajn makuletojn, kiujn mi citas por la 4a eldono de tiu sukcesa traduko: p. 6, parteto de (da) karaktero, monto de (da) prudento; p. 10, estas preskaŭ nekredebla (nekredeble); p. 12, malgonesta (malhonesta); p. 13, popra ordono (propra); ecla (ebla); p. 14, lakejoj (lakeoj); p. 16, tako (takto); p. 18, tion mi sola faras (la senco postulas: tion solan mi faras); p. 19, al gajeco multe helpas, ke oni ne trolaboras (ĉu „trolaboru" ne estus plibona?); p. 21, meti sur aliaj(n); p. 22, sed ne, ke oni ĉiujn verojn diru (malamas, diras aŭ malamu, diru, laŭ la senco); p. 23, en la juneco(n) oni metas.

* * *

*A. Ghez,* **Festparolado** de la IIIa tutaŭstria kongreso de Esperanto en Graz (1913).

*A. Ghez,* **Festparolado** de la IVa kongreso de la Italaj esperantistoj en Milano. Prezo: 30 heleroj.

La temoj de tiuj du festparoladoj estas preskaŭ samaj. La elokventa oratoro en maldetala maniero kaj per flama kaj bilda stilo rakontas la historion de Esperanto kaj malvolvas la serion de niaj Universalaj Kongresoj. Li, kompreneble, laŭdegas Esperanton kaj ĝian genian kreinton. — La broŝuretoj estas ornamitaj de portreto de D-ro A. Ghez, sed ankaŭ malornamitaj de kelkaj preseraroj: Ekz. nur ok jaroj (dek ok), sanglantajn (sangantajn), kunvenigas (kunvenas), Chambrige (Cambridge), evangelion d'amo (de), d'Afriko (de), d' Oriento (de), Anterpeno (Antverpeno), ili vidi(s), (li) forlasis, (li) konstruis, alioj (aliaj).

* * *

*Friedrich Pillath,* **Elektitaj poemoj de Heinrich Heine.** Essen, librejo F. W. Rohden. Sm. 0. 25.

Henriko Heine, tiu stranga „amfibia" poeto, naskiĝis en Düsseldorf (1799), de judaj parencoj; li mortis luteriano en Parizo (1856). Post 1830, li transhejmiĝis en Francujon kaj, per neordinara fenomeno, fariĝis, laŭ kutimoj kaj lingvaĵo, pli franca ol germana. Disĵetante epigramojn malavare kaj indiferente kontraŭ Francoj aŭ Germanoj, li famiĝis pro sia sprito kaj akiris en siaj ambaŭ patrolandoj multajn admirantojn, malmultajn amikojn. Li mortis paralizita kaj blinda.

El la poezioj de tiu pasia animo, S-ro Pillath elektis dek-kvin poeziojn, de plej diversaj longeco, epokoj kaj temoj, kaj tiel celis — neniel egalvalori la originalojn — sed doni al negermanaj legantoj almenaŭ „imageton" pri tiu malfeliĉa poeto. Ironio, sarkasmo, sed ankaŭ sprita humoro, molanimeco, amosento kaj profunda kompreno de la naturo, neelĉerpebla fonto de rezignacio, trankvilo kaj animpaco, jen la ĉefaj motivoj de la specimenoj lerte elektitaj kaj bonsone traduktitaj de S-ro Pillath.

La plej longa tradukita poemo (Donna Klara, p. 25) kalkulas 88 versojn; la plej mallonga nur 4 versojn. Mi citos la sekvantan poemeton:

Pinarbo staras sola
En nordo sur nuda altaj'.
Ĝi dormas; el neĝ' kaj glacio
Ĝin kovras blanka litaj'.

Songadas ĝi pri palmo
Ĝemanta en orient',
Soleca, sur arda deklivo
En maldolĉega silent'.

Oni povas ĝin kompari kun la malnova (ne maljuna) traduko de D-ro L. Zamenhof (Fund. Krest. p. 326):

En nord' unu pino en solo
Dormetas sur nuda altajo:
Glacia kaj neĝa tavolo
Ĝin kovras per tomba tolajo.

Ĝi songas, ke palmo gracia,
En unu dezert' orienta,
Eterne pri lando alia
Malgaje sopiras silente.

* * *

*Bertha von Suttner,* **For la batalilojn!** El la germana lingvo esperantigita de profesoro *Armand Caumont.* Rekomendita de la Esperantista Literatura Asocio. Ader & Borel, Dresden. Sm. 1. 25.

Jen estas grava verko, kiu estus interesa por plena recenzo nur antaŭ ok monatoj. Sed nun la recenzo terure malfaciliĝis por ano de militanta lando, kaj mi konfesas, ke mi ne kuraĝas entrepreni tian Herkulesan laboron. Eble nur neŭtralulo havus liberan animon por pristudi la libron, kaj eĉ por li estus malfacile aŭ seninterese trakti la temon abstrakte aŭ nur objektive. Mi do uzos la antaŭparolojn de S-roj Arnhold kaj Caumont, kiuj bonege klarigas la celon de la traduko kaj atestas la zorgecon de la tradukado.

S-ro Arnhold deklaras, ke Baronino de Suttner mem konsilis al li la lernadon de Esperanto. Efektive B. de Suttner estis konvinkita, ke Esperanto kaj pacifismo estas gekuzoj. Estis do nature, ke „la Biblio de la paco" estu tradukata en la lingvo de la paco...

Ho! feliĉa B. de Suttner, kiu mortis antaŭ la terura eksplodo kaj ne ĉeestis la mondan militon kaj la ruinigon (eble por longe) de siaj pacemaj laboroj kaj esperoj!

La tradukon de ŝia verko prilaboradis profesoro Caumont, kiu petis de la E. L. A., ke ĝi relegu lian verkon. „Kiam oni unue proponis al mi", skribas prof. Caumont, „ke mi traduku Esperanten ‚Die Waffen nieder!' mi estis tre surprizita pro la graveco kaj malfacileco de la tasko... Mi nun esperas, ke dank' al la helpo de kelkaj kolegoj de E. L. A., kiuj bonvole tralegis mian tradukon, mi ne tro malbone sukcesis. Mi tre deziras, ke S-ino v. Suttner vidu en mia traduko la fidelan esprimon de siaj penso kaj stilo kaj ankaŭ, ke D-ro Zamenhof, nia majstro, ekkonu, ke mi uzis lian belan lingvon kun nepra pureco."

Tiu duobla deziro nur duone plenumiĝis. S-ino de Suttner kredeble mortis ne vidinte la tradukon, sed nia majstro sendube aprobis la libron kaj rekonis en ĝi sian laŭfundamentan lingvon. La stilo de S-ro Caumont estas efektive modelo de klareco kaj pureco. Eble la E. L. A. iom pliperfektigis jam bonegan libron. Sed oni rajtas opinii, ke tian helpon ne bezonis S-ro profesoro Caumont. La plej talentaj estas la plej modestaj!

*Verto.*

# Bileto de blankbarbulo

## *Pri la tasko de niaj naciaj Societoj dum la milito*

*Kiel en mia lasta bileto mi diris mian opinion pri la rolo de UEA dum la milito, ĝin mi dezirus diri hodiaŭ senkaŝe pri la tasko de niaj naciaj Societoj.*

*Iom „dornhava" estas la temo, sed mi penos ĝin pritrakti kun sufiĉa delikateco kaj lojaleco, por ke neniu Esperantisto sentu sin ofendita en sia amo al patrujo kaj al Esperantistaro aŭ, pli ĝuste, al homaro.*

*Niaj naciaj Societoj estas „naciaj", ĉu ne? Ŝajnas do evidente, ke malprave oni rifuzus al ili la rajton defendi la nacian vidpunkton kaj klopodi, por ke ĝi estu akceptita de la neŭtralaj landoj. Ĉu tio por ili estas absoluta* devo, *eble ne; sed absoluta* rajto, *certe jes.*

*Sed, ĉar ili estas aliparte esperantistaj, tion ili devas fari taktplene, gvidataj de alta pura amo al patrujo, pli ol de malamego kontraŭ la malamikaj popoloj; — kaj tio ne estas la samo, kvankam por tro da homoj la vera (se ne la sola) mezurilo de l' amo „al" estas la malamego „kontraŭ".*

*Tion ili devas fari uzante nur aŭtentikajn dokumentojn, precipe oficialajn kaj prefere diplomatiajn, ĉar malpli pasiaj ol aliaj. Kiel Esperantisto, oni povus nur aplaŭdi, se ĉiukoloraj libroj: blankaj, flavaj, bluaj, grizaj, ktp. estus tradukitaj Esperanten kaj tiamaniere konigus al kiel eble plej da homoj,* pere de nia internacia lingvo, *la diversajn proceserojn.*

*Sed privataj Esperantistoj, memorante, ke Esperanto estas lingvo, kaj nur lingvo, ke ĝin oni povas uzi por kia ajn celo, opinios sendube, ke tia patruja defendo ne sufiĉas kaj ke la rajton ili havas ataki kaj inciti kontraŭ la malamikoj montrante iliajn kulpojn kaj ilian kontraŭleĝan konduton.*

*Kaj vere tiun rajton ankaŭ oni malprave rifuzus al ili; nur konsilinde estas, ke, en tiu okazo, zorgante pri la estonteco de nia movado, ili agu kiel privatuloj aŭ kiel sendependa privatularo, naskita de la nunaj cirkonstancoj kaj malaperonta kun ili.*

*Eĉ dum tiu ĉi senorda, ĉionpremanta, dolorplena periodo ni penu por konservi en nia Esperantujo samtempe la* ordon, *garantiajon de l' estonteco kaj la* liberecon, *necesajon de la nuna tempo.*

Th. Cart.

*P. S. — Kelkaj fidelaj amikoj demandas min, ĉu* Lingvo Internacia *ree aperos. Certe, jes: sed eble nur post la milito. Nun, pro mobilizado kaj nesufiĉa laboro, nia presejo (ne la librejo) estas fermita.*

---

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

## Aŭstrio-Hungario.

*Capodistria:* La Istria Esp. Unuiĝo elektis P-ron J. Domenech kiel vicprezidanton kaj tiuokaze dediĉis al li arĝentan medalon. *Olomouc:* P-ro Murath gvidas du kursojn en germana reala lernejo, kun 7 kaj 15 anoj. La restantaj Esperantistoj kunvenas ĉiudimanĉe. — *Plzen:* Laborista Asocio Turista aranĝis kurson, kiu baldaŭ estos finita. Nova kurso denove komenciĝos. Regulaj kunvenoj okazas ĉiulunde kaj vendrede. La Asocio ankaŭ aranĝis paroladon kun bildoj de S-ro P-ro Pitlik pri lia vojaĝo tra Eŭropo per Esperanto. La parolado daŭris tri horojn kaj havis grandan sukceson. La grupo havas 66 membrojn; la kunvenoj estas regule vizitataj. La 13 februaro okazis la jubilea kunveno (deka jaro). — *Praha:* En gazeto por junuloj „Malý čtenář" aperas regule Esp. rubriko, gvidata de instruistino Julie Šupichova. Nekonstantajn rubrikojn havas la gazetoj: „Ratibor" (el K. Hradec), „Osveta Lidu" (Pardubice, D-ro Schulhof), kaj „Náchodske Listy" (Náchod, J. Šupichová). — *Rakovnik:* La Esp. Klubo preparas ilustritan gvidlibreton. — *Wien:* S-ro direktoro Schamanek aranĝis tri senpagajn kursojn por metiistoj kaj komercistoj, kiujn partoprenas 155 personoj. En la ĝenerala kunveno de la Aŭstria Katolika Esp. Ligo estis elektita nova estraro. Ĉe la sidejo okazas senpagaj kursoj komencaj kaj progresaj.

## Britujo.

*Bexley Heath:* Nova grupo fondiĝis kun 26 membroj. — *Cardiff:* La ĝenerala kunveno de la Sud-Kimruja Ligo sukcese okazis. — *Edinburgh:* S-roj Wm. Page kaj Wm. Harvey faris propagandan paroladon ĉe la „Senior Literary Society of St. Matthew's Parish Church"; kurso estos aranĝata. — *Hastings:* Kursoj kaj grupkunvenoj regule okazas. S-ro A. J. Witteryck, prez. de la Belga Esp. Ligo, estas rifuĝinto en tiu ĉi urbo. — *London:* Per monkolekto la britaj Esperantistoj donacis al la belga Ruĝ-Kruca Societo motorambulancon, kiu ricevis la nomon „Esperanto". — *Manchester:* La 28a kvaronjara konferenco kaj ĉiujara kunveno de la Lancashire kaj Cheshire Federacioj okazis la 6 februaro. La urbestro oficiale bonvenigis la federacianojn kaj faris simpatian paroladon. La raportoj estis akceptitaj. La financa stato estas kontentiga, kaj oni esperas fari pluajn progresojn. Sekvis festeto kaj monkolekto por la dua motorambulanco donacota al la belga Ruĝa Kruco. Entute 150 personoj partoprenis. — *Paignton:* Oni anoncas la fondon de grupo.

## Francujo.

*Paris:* La Komitato de la S. f. p. E. regule kunvenas dufoje en la monato ĉe ĝia prezidanto, S-ro Rollet de l'Isle. Ĝi decidis ree eldoni dum la milito (nuntempe ĝia organo: „Movado" ne aperas) la „Bulletin Officiel de la S. f. p. E.". Ĝi entenos la oficialaĵojn de la Societo, sciigojn pri la agado de la grupoj, tekstojn kaj ekzercojn, ktp. — S-ino Ferter, anstataŭante S-ron Camescasse ĵus mobilizitan, faris paroladon ĉe Lagny apud Parizo; grava ĉeestantaro, multaj soldatoj kaj oficiroj tre atente aŭskultis kaj interesiĝis pri Esperanto. La plejaĝulo el la Lagny-anoj, klera viro, ĉeestis; li estas *108-jara;* post la parolado, li deklaris, ke Esperanto estas unu el la ĉefaj belaĵoj, kiujn li konis dum sia tuta vivo. Nun, li lernas nian lingvon... La 30 januaro, ĉe la Kolegio de la Sociaj Sciencoj, nia konata samideano, S-ro D. Alf. Agache, premiito ĉe la konkursoj por Yass-Canberra kaj Dunkerque, faris france malferman paroladon de sia dekleciona kurso, kies temo estas: „La renaskiĝo de la Urboj". Tiu kurso pri „urboscienco", la unua en Franclando, havis grandan sukceson.

## Germanujo.

*Altengrabow:* Ĉe la kampo por la militkaptitoj, Esp. grupo estis fondita, kaj kursoj funkcias. Jen la estraro: Prez. Azambre, notario el Marvilles (Nord); sekr. Th. Penisson, de la grupo Villeneuve St-Georges; kas. J. Puel el Paris. — *Augsburg:* S-ro P-ro Ledermann faris paroladon pri „Esperanto kaj la milito". Multaj aŭskultintoj sin anoncis por kurso. — *Bamberg:* La Altfranka Esp. Ligo tie okazigis sian duan ĉefkunvenon. La Ligo konstante progresis; ĝi nun havas membrojn en 34 lokoj. — *Dresden:* La Orienta Grupo festis la naskiĝtagon de sia prezidantino, S-ino

M. Hankel. — *Frankfurt:* Malgraŭ la milito la grupo kunvenas ĉiumarde. — *Hamburg:* La monataj kunvenoj de la loka Ligo de la Esp. Grupoj estas ĉiam bone vizitataj. La Esp. Unuiĝo Progreso, gvidata de F-ino Brockmann, kaj la societo Verda Stelo, gvidata de S-ro Senff, havas regulajn semajnajn kunvenojn. — *Leipzig:* Ĉe la jara kunveno de la grupo Leibnitz estis elektita la jena estraro: S-ro A. Petzold, prez.; H. Baumgartel, vicprez.; F-ino A. Fenscky, kas.; F-ino J. Offenhauer, sekr. S-ro Kässner faris ŝatitajn paroladojn pri la grandaj servoj de la Ruĝa Kruco kun multaj bildoj. Malfermiĝis kurso por komencantoj. — *Stuttgart:* Nova kurso estas aranĝita en kafejo „Esperanto"; ĝin gvidas S-ro Leyrer. Alia kurso okazas por la laboristoj. — *Zittau:* S-ro K. Bruck, blinda membro, faris sukcesan paroladon. — *Zossen:* En la tendaro por militkaptitoj, S-ro Sandrock malfermis kurson kun kvin el siaj kamaradoj interpretistoj. La germana aŭtoritato oficiale permesis la uzadon de Esp. en la korespondo de la militkaptitoj de Zossen. Ĉar plejmulte francoj troviĝas tie ĉi, estas dezirinde disdoni propagandfoliojn franclingvajn inter ili. Sendajon oni direktu al Prüfungsstelle Kommandantur, Zossen.

## Hispanujo.

*Barcelono:* La Esp. Societo Paco kaj Amo okazigis paroladon, kies temo estis: Esperanto kiel faktoro de kulturo. Ĝin faris kun granda sukceso S-ro Grau. Poste malfermiĝis du kursoj, supera kaj elementa sub la gvidado de S-roj Paulet kaj Romen. — *Palma:* Ĉe la Klubo S-roj Bofill kaj Urgelles faras 6 kursojn ĉiusemajne kun sufiĉe da lernantoj. En la lasta kunsido de la Klubo, entuziasme okazinta ĉe ĝia nova kaj komforta loĝejo (str. Mision 5), dum kiu oni faris du bonegajn Esp. paroladojn, estis elektitaj por la Direktanta Komitato: S-ro G. Alomar, prez.; S-ro J. Aguiló, sekr.; S-ro F. Barcelo, kas. — *Madrid:* En la sidejo de la centra Madrida grupo, S-ro J. Mangada faras kurson sukcese. S-ro R. San Millan lernigas Esperanton al membroj de la Popola Domo, kaj S-ro Vicente Alonso, Del., instruas ĉe la centra komerca lernejo al kelkaj lernantoj. — *Sabadell:* Du bohemaj samideanoj, ne povinte reveturi hejmlandon, S-roj Vaclar kaj Ed. Kühnl, vizitis la grupon Aplech, kiu ĝoje ilin akceptis. La sama grupo aranĝis sukcesajn balon kaj ekskursojn al la ĉirkaŭaĵoj. — *Valencia:* Sub la titolo „Federación Esperantista Levantina" aperas monata bulteno. Direkcio: D. Juan de Austria 15.

## Italujo.

*Meduno:* P-ro Bianchini faris kun sukceso paroladon, kiun sekvis kurso. — *Venezia:* Esperanto estas oficiale alprenita kiel kromfako ĉe la Supera Komerca Lernejo. Instruas P-ro Gino Lupi.

## Nederlando.

*Harderwyk:* Ĉe la kampo de la tie internigitaj belgoj, S-ro Demey faras du kursojn. — *Rotterdam:* La tramista grupo „La Verda Stelo" funkcias regule kaj kunvenas ĉiuvendrede en kafejo „De Bel" Stadhuissteeg. La 23 kaj 26 aprilo ĝi feste memoros la 5an datrevenon de sia fondo en la salono „Amicitia", Gondsches Ryweg.

## Rusujo.

*Blagoveŝĉensk:* La societo malfermis kurson kun 40 lernantoj. — *Ivanovo-Voznesensk:* Unu el la lokaj samideanoj vizitis la ĉi-tie enloĝantajn militkaptitajn oficirojn kaj disdonis kelklingvajn ĉefeĉŝlosilojn. — *Kostroma:* La grupo havis festkunvenon, okaze de la 55a naskiĝotago de D-ro Zamenhof. — *Moskvo:* Per regulaj monataj pagoj la membroj de Moskva Societo subtenas unu liton en hospitalo de Verda Kruco. — *Petrogrado:* La Societo Espero vigle laboras; ĝi kolektiĝas dufoje dum semajno. — *Verhovaĵskij posad:* Inter la germanaj militkaptitoj, kelkaj lernas nian lingvon kaj jam povas interkompreniĝi kun lokaj Esperantistoj.

## Svisujo.

*Chaux-de-Fonds:* Inter multaj kursoj por senlaboruloj, estis aranĝitaj du kursoj de Esp., kiuj estas daŭrigataj sub gvidado de F-ino Henchoz kaj S-ro J. Wolf.

## Usono.

*Boston:* S-ro W. B. James kaj D-ro Lowell gvidas Esp. kursojn. La grupo ofte ricevas vizitojn de fremdaj Esperantistoj. — *Kansas City* (Mo.): S-ro H. Pratley aranĝis paroladon kaj gvidas kurson. — *Lincoln* (Nebr.): Pastro C. P. Lang, kun helpo de S-roj A. G. Wilson kaj R. G. Hulburt, aranĝis Esp. ekspozicion. — *New York:* P-ro A. Christen parolis ĉe la „Labor Lyceum" pri Esp. kaj Paco. Oni poste organizis grupon da 25 anoj. Pro la agemeco de S-roj Corson kaj Silbernik, kurso estas organizita en la „Washington Irving" Altlernejo; F-ino Cora Butler instruas 30 lernantojn. Nova Klubo stariĝis, Bronx Esp. Societo, kun jam 25 anoj. — *Philadelphia:* La ĉi tiea societo organizis kurson por komencantoj; ĝi aranĝas ĉiumonate festenon. — *Portland* (Me.): S-ro E. S. Payson, prez. de la N. E. E. A. faris paroladon pri uzo kaj neceseco de Esp. en komerca vivo.

# LINGVA KOMITATO

En la julia kajero de *Oficiala Gazeto* (N-ro 68) P-ro Cart[1] publikigis gravan raporton pri la decidoj de la *Lingva Komitato*. Ĝi entenas:

1e Enkondukon, kun rimarkoj pri diversaj proponoj.

2e Definitivan liston de internaciaj vortoj, kiuj laŭ § 15 de l' Fundamento estas esperantaj (ĉirkaŭ 500 vortoj, kun klariga antaŭrimarko).

3e Oficialan liston, kun helpo de *Oficiala Gazeto* (jan. 1914, N-ro 62), de komune uzataj (ne internaciaj) vortoj nun oficialigitaj, — kun franca, germana kaj angla tradukoj (en kajero 62; ĉirkaŭ 150 vortoj).

4e Oficialigon de l' sufikso *ism'* (teorio, sistemo, doktrino, skolo, partio, celado kaj analogiaj sencoj), kun klariga rimarko.

5e Noton pri la naciaj tradukoj en U. V.

6e Konkludon kaj proponon pri la labormetodo de la Lingva Komitato.

P-ro Cart tre dezirus havi la opinion de la L. K-anoj pri sekvantaj punktoj:

1e Ĝenerala uzado de *ĥ* aŭ *k?*

2e Speciala uzado de *rĥ* aŭ *rk (anarĥio aŭ anarkio)?*

3e Uzado de *oido* aŭ *ojdo* en vortoj kiel *celuloido, hemorojdoj?*

4e Kiun formon elekti inter:

| | |
|---|---|
| albino aŭ albinoso | komisio aŭ komisiono |
| buĝeto aŭ budĝeto | klaviklo aŭ klavikulo |
| goleto aŭ goeleto | tuberklozo aŭ tuberkulozo? |

La Esperantistoj, kiuj ne apartenas al la L. K. povas ankaŭ sendi sian opinion, sed *nur pere de* iu L. K-ano, kiu ĝin apogas. Alimaniere la laboro fariĝus senfina kaj vere neebla.

Niaj legantoj, kiuj deziras ricevi la kajerojn 62an kaj 68an de *Oficiala Gazeto* povas sin turni ĉu, se eble, al Pariza Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris, ĉu, se neeble, al ni mem, 10, rue de la Bourse, Genève.

[1] La adreso de P-ro Cart estas 12, rue Soufflot, Paris, aŭ, por la landoj, kiuj ne rilatas senpere kun Francujo: 10, rue de la Bourse, Genève, Centra Oficejo de UEA.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**La servoj de UEA dum la milito.** — Kiel ni jam atentigis, necese estas, ke malgraŭ la nunaj cirkonstancoj, la servoj de la Delegitoj estu same uzeblaj kiel en normala tempo, tiom pli ke tre ofte ili povas esti utiligataj. Pro tio

ni tre petas, ke eĉ en la militantaj landoj, en la okazo se la Delegito aŭ Vicdelegito estas mobilizita kaj ne mem elektis anstataŭanton, la lokaj membroj bonvolu interkonsente komisii unu el ili por akurate respondi la informpetojn. Oni bonvolu konigi al ni la nomon kaj adreson de tiu anstataŭanto. Aliparte, la Delegitoj aŭ Vicdelegitoj mobilizitaj zorgu, ke leteroj alsenditaj je ilia adreso, estu transdonataj al la anstataŭantoj.

La servoj funkcias en la samaj kondiĉoj kiel antaŭe. Kiam membroj ne povas senpere korespondi kun la Delegitoj, ili sendu siajn leterojn pere de nia Oficejo, aldonante du respondkuponojn por la transsendo kaj la respondo.

**Statistiko de la membroj.** — Je la 31 januaro estis enkasigitaj 474 kotizaĵoj (el kiuj 21 subtenantoj kaj 141 dumvivaj membroj). — *Esperantiaj Entreprenoj:* 24.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato januaro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 6,056 | 7,582 |

*Tuta sumo:* 13,638. (Antaŭa monato: 14,395.)

## Novaj Delegitoj.

*Alberswil* (Svisujo, Luzern). — D.: S-ro Otto Knüsel, Mühle.
*La Roche sur Yon* (Francujo, Vendée). — D.: S-ro Ferdinand Duviard, profesoro, 6, rue Molière.
*Muncie* (Usono, Indiana). — D.: S-ro D-ro R. E. Cole, 1116, Walnu street.
*Olten* (Svisujo, Solothurn). — D.: S-ro Wilhelm Haase, Aarauerstrasse 88.
*Palma de Mallorca* (Hispanujo). — VD.: S-ro Francisco Barceló Caimari, advokato, San Miguel 142.
*Pueblo Nuevo del Terrible* (Hispanujo, Cordoba). — D.: S-ro José de Tapia Bujalance.
*Venezia* (Italujo). — VD.: S-ro Franc. Pizzi, S. Maurizio 2758.

Pro mobilizo de la Delegito en la jenaj urboj oni bonvolu sin turni al la ĉi-subaj anstataŭantoj:[1]
*Dijon* (Francujo). — S-ino Henriet-Nolot, 33, rue Chabot-Charny.
*Lyon* (Francujo). — S-ro Ch. Béjel, 10, rue de Marseille.
*Paris* (Francujo). — F-ino Gérard, 9, rue d'Armaillé (XVIIe).

## Eksiĝoj.

*Coomassie* (D.: Gunst); *Eichstätt* (D.: Geiger); *Georgswalde* (D.: Klinger); *Hemsbach* (D.: Mulert); *New Castle* (D.: Cole).

[1] Vidu la unuan liston en „*Esperanto*", N-ro 1, paĝ. 10.

# Agado de UEA dum 1913-1914
## (Julio 1913 — Julio 1914)

La cirkonstancoj ĝis nun malhelpis niajn membrojn konatiĝi kun la raportoj pri la agado de UEA dum la lasta administra jaro 1914. Tiuj raportoj, kiel kutime, estis presitaj en formo de speciala broŝuro, kiun ricevos la kongresanoj samtempe kun la aliaj kongresdokumentoj. Dume, ni ĉi-sube aperigas la Direktoran raporton, kiu resumas la diversajn laborojn de nia Asocio en la antaŭmilita jarperiodo 1914. Kvankam la nunaĵoj ŝajnigas neŭstatempa tiun rerigardon al la estinteco, ĝi tamen ne estas tute senutila, ĉar ĝi montras laŭ kiu vojo ni povos denove labori post la milito.

* * *

La lasta jaro (1913), kiel ni substrekis en nia raporto ĉe la 4a Kongreso, estis grave influita de la plialtiĝo de la kotizaĵo, kiu unuflanke ŝatinde plibonigis la financan staton de nia Asocio, sed aliparte forigis ĉirkaŭ trionon de la membroj. Je la fino de 1913 la nombro de niaj membroj atingis entute (kun garantiantoj kaj subtenantoj) 6276. La jaro 1914, je ĉiuj vidpunktoj, prezentas senteblan progreson rilate al la antaŭa. Ne sole nia membraro ĝojige plimultiĝis, sed ankaŭ ni povis komenci diversajn klopodojn kaj laborojn, kiuj celas pli multe enkonduki nian Asocion en la praktikan vivon.

VARBADO DE LA MEMBROJ. — Kun plezuro ni konstatas atentindan pligrandiĝon de nia membraro. Je la 1 julio 1914 la nombro de la membroj (inkluzive 117 garantiantoj, 22 dumvivaj kaj 135 subtenantaj membroj) atingis 6860 (5676 je la 1 julio 1913 laŭ la sama kalkulsistemo), t. e. kresko de 1184. El la nunaj membroj 2540 estas novaj. Tiu cifero estas relative alta; ĝi pruvas, ke multaj novaj elementoj aliĝis al nia afero, sed ĝi ankaŭ montras, ke bedaŭrinde nesufiĉe multaj restas konstante alligataj al ĝi. Meritplena Delegito estas tiu, kiu ne sole varbas membrojn sed per zorga administrado kaj trafa agado scias ilin konservi.

Por pli preciza administrado ni aranĝis specialan kontrolsistemon kun individuaj slipoj por ĉiu membro. Tio trudis al ni senteblan plian laboron, sed ĝi aliparte realigis diversajn plibonigojn, pri kiuj ni estas kontentaj: membroj konstante konservas sian vican numeron; ni povas ĝuste scii, kiom da membroj estas novaj kaj kiom malnovaj; ni precipe povas pli precize zorgi pri la repagado de la kotizaĵoj.

Konforme al decidoj de la Komitato, ni en aprilo sendis al ĉiuj nerepagintaj membroj specialan rememorigilon. Poste — kie tio estas ebla — ni enkasigis la ŝuldatajn kotizaĵojn per la poŝto. La rezultaton de tiu plia klopodo ni ne ankoraŭ povas konigi en la momento, kiam tiu raporto estas verkata. Bedaŭrinde, ekzistas landoj, kie poŝtrepago ne estas ebla, kaj ni devas konstati, ke speciale en Rusujo kaj Britujo ni perdis sufiĉe multe da membroj, ĉar la Delegito, malgraŭ nia peto, ne klopodis por reenkasigi la kotizaĵojn.

La nombro de la garantiantoj kreskis de 76 ĝis 117. (Vidu la specialan raporton pri la Garantia Kapitalo.) La nombro de la subtenantaj membroj restis proksimume la sama: 135 kontraŭ 143 en 1913. Varman dankon ni ŝuldas al ĉiuj sindonemaj samideanoj, kiuj bonvolis helpi nin pli ol per la pago de la ordinara kotizaĵo.

ESPERANTIAJ ENTREPRENOJ. — Ilia nombro kreskis de 337 (1 julio 1913) ĝis 416; el ili 264 estas esperantaj organizaĵoj, speciale grupoj, 152 estas neesperantistaj organizaĵoj, komercaj firmoj, ktp.; inter ili estas kelkaj tre gravaj, k. e. la Panama Pacifika Internacia Ekspozicio en S. Francisco, la Internacia Ekspozicio de Maraferoj en Genova, la kuracurbo Franzensbad, la Turisma Societo de Finnlando kaj pluraj turismaj kaj komercaj societoj. Sendube la nombro de niaj Entreprenoj kreskas, sed malrapide ĝi kreskas. Ĉu en la tuta mondo ne ekzistas pli ol 264 Esperantistaj grupoj, kiuj interŝanĝe de la malalta sumo de 7.50 fr. aliĝas al UEA, ricevas senpage ĝian oficialan gazeton, kaj estas anoncataj en ĝia Oficiala Jarlibro?

DELEGITOJ. — La nombro de la Delegitoj ankaŭ kreskis. Je la 1 julio nia Asocio estis reprezentata en 1288 lokoj (1179 en 1913). El la Delegitoj 57 varbis inter 20 kaj 50 membroj kaj nur 11 pli ol 50. La lastan jaron ni plendis pri la ankoraŭ tro granda nombro de Delegitoj, ĉe kies loko, estis, krom ili, neniu membro. Tiun plendon ni rajtas denove substreki, ĉar tiu nombro estas ankoraŭ tro alta. Ĉu estas normala fakto, ke en lokoj, kie estas Delegito, eĉ ofte jam de kelkaj jaroj, ne estas krom ili unu membro?

Tre dezirinde estus, ke almenaŭ ĉe ĉiuj urboj havantaj pli ol 100,000 loĝantoj, UEA estu nepre reprezentata. Bedaŭrinde, eĉ en Eŭropo estas kelkaj esceptoj. Ni komencis interrilati kun la enlanda nacia societo por forigi tiun mankon. Same dezirinde estus, ke ankaŭ en eksterеŭropaj grandurboj UEA estu reprezentata, ĉar ĝuste tie Delegitoj povas fari tre utilajn servojn, speciale pri komerco. En Usono UEA estas same bone reprezentata kiel en Eŭropo, sed

en aliaj landoj de Ameriko, Afriko kaj Azio multo estas ankoraŭ farota.

KOMITATO. — Konforme al la statuto, la Komitato estis submetata je balotado por periodo de tri jaroj. S-ro A. Behrendt, prezidanto de la Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝtoficistoj, estas elektita kiel nova komitatano, kaj S-roj J. Karsch, Del. en Dresdeno, kaj H.-C. Mees, Del. en Hago, kiel novaj vickomitatanoj. La sama estraro estas reelektita. La Komitato daŭrigas labori per rondiranta kajero kaj estas konstante informata pri la diversaj laboroj de la C. O.

CENTRA OFICEJO. — La sama nombro de oficistoj daŭrigis labori ĉe nia C. O. kiel kutime tre okupata. La movado de la korespondaĵoj atingis 39,688 dum 1913; de januaro ĝis junio 1914 ĝi estas 24.507 (18,685 en 1913). La sperto montris, ke speciale dum la vintro, kiam fariĝas tre granda laboro precipe pro la repagado de la kotizaĵoj kaj pro la tre peniga preparado de la Jarlibro, plia laboranto estas necesega. Ni esperas, ke ni povos lin dungi por 1915.

Ĝis nun la C. O. konsistis el tri ĉambroj tre modeste meblitaj. Kun la kresko de niaj laboroj kaj la maturiĝo de UEA, plia loko fariĝis necesa same kiel meblaro pli konforma al la postuloj de moderna oficejo. Je la komenco de julio ni akiris du pliajn ĉambrojn kaj necesan meblaron, tiel ke la Oficejo de UEA aspektu inde (ne lukse!); tion ni povis fari en bonaj kondiĉoj, atentante la modestecon de nia buĝeto kaj ne ŝanĝante loĝejon, kiu havas oportunan situacion.

OFICIALA JARLIBRO. — Kiel kutime la eldono de nia Jarlibro estas unu el la ĉefaj laboroj de la vintra sezono. La plano de la lastjara eldono estas konservita, sed ni ankoraŭ penis enkonduki kelkajn plibonigojn detalajn. La favora akcepto de tiu eldonaĵo montras, ke nia penado por ĝin fari kiel eble plej utila estas ŝatata de niaj membroj. Plezure ni konstatas kreskon je la cifero de la pagataj anoncoj. Ĝi estus ankoraŭ pli granda, se pli multaj Delegitoj klopodus por tio, kiel kelkaj tre ageme jam faras.

OFICIALA ORGANO. — Kvankam ne apartenanta al UEA, nia oficiala organo „*Esperanto*" estas tiel ligata al ĝi, ke oni povas ĝin aludi en raporto dediĉita al UEA. La nombro de la abonantoj iom kreskis, tiel ke ĝi je la 1 julio atingas 2803. Tio reprezentas nur 40 % de la membroj, sed ni rajtas esperi, ke kun plibonigo de la gazeto, ankoraŭ pligrandiĝos tiu proporcio. La nombro de la abonantoj nur ĝuste sufiĉas por ke la gazeto povu vivi sendeficite kaj kun senpaga redakcio. Kun pliaj abonantoj ni povos pligrandigi ĝin kaj enkonduki novajn rubrikojn. Ni spertis, ke preskaŭ ĉiuj uzantoj de la servoj de UEA estas samtempe abonantoj de „*Esperanto*". Helpi unu estas samtempe helpi al alian.

NOVA MEMBROKARTO. — De longe ni deziris eldoni pli taŭgan membrokarton, kiu povus, daŭri kelkajn jarojn sinsekvajn kaj esti uzebla kiel legitimacia papero. Sed la efektiviĝo de tiu deziro estis ligita je financaj kondiĉoj kaj je la starigo de pli bona kontrolsistemo de la membroj. Tiun jaron ni povis realigi tiun progreson, kaj eldonis membrokarton, kiu, ni tion almenaŭ esperas, estis ŝatata de niaj membroj.

Ni ankaŭ deziris, ke tiu membrokarto estu akceptebla de la diverslandaj poŝtoficejoj kiel legitimacio sufiĉa por ricevi monsendojn, leterojn, rekomenditajn sendaĵojn, ktp. Por tiu celo ni klopodis ĉe la diverslandaj superaj poŝtadministracioj. El la ricevitaj respondoj rezultas, ke la superaj poŝtadministracioj de Francujo, Portugalujo, kaj Svisujo konsentis pri tio, ke nia membrokarto estu konsiderata kiel legitimacio ĉe poŝtoficejoj. La administracioj de la aliaj landoj (ni klopodis nur en Eŭropo) ne konsentis pro tio, ke la poŝtoficejoj mem eldonas oficialan legitimacion — kiun cetere nur tre malmultaj personoj konas kaj uzas. Kelkaj tamen aldonis, ke se poŝtoficisto ne postulas ion plian, nia karto sufiĉas. En la praktiko, ni ne dubas, ke nia membrokarto, laŭleĝe atestita kaj provizita je fotografaĵo, estos prikonsiderata de ĉiuj poŝtoficejoj. Interesaj estis ĉiuokaze tiuj klopodoj, ĉar ni petis, ke poŝtadministracioj akceptu kiel legitimacion karton redaktitan en Esperanto. Inter la administracioj nee respondintaj, neniu motivigis sian rifuzon je la lingvo uzata en la membrokarto.

STATISTIKO DE LA SERVOJ. — Malgraŭ la malplimultiĝo de nia membraro dum la jaro 1913 la statistiko de la servoj plenumitaj de la Delegitoj montras kontentigan kreskon pri ĉiuj fakoj.[1] La suma nombro estas 13,760 (11,296 en 1912). Speciale atentindaj estas la relative altaj ciferoj de la komercaj kaj turismaj servoj. La faktoj montras, ke iom post iom niaj membroj kutimiĝas uzi la servojn de UEA por siaj privataj aferoj. La raporto de nia Londona Ĉefdelegito montras, kiel diversaj estas tiuj servoj. Foliumante la gazeton „*Esperanto*" oni konstatos, ke ofte tre gravajn servojn plenumas la Delegitoj, kiel atestas la dankesprimoj al ili direktitaj.

Plendoj kontraŭ Delegitoj pro neplenumo de servoj estis nur 24 (28 en 1913), sekve de kiuj 3 estis cititaj en la oficiala organo de UEA. Ni insiste petas, ke la membroj, kiuj ne ricevas respondon je informpeto farita konforme al la reguloj, plendu al ni, antaŭ ol aserti, ke UEA nenion taŭgas, se okaze Delegito ne respondis. Bedaŭrinde ni ne ankoraŭ povas havi profesiajn Delegitojn. Ni estas devigataj fidi je ilia bonvolo kaj servemo, sed la sperto montris, ke tiuj idealaj motoroj estas plej ofte sufiĉaj por certigi akuratan plenumon de la servoj.

Kelkaj Delegitoj, precipe en ekstereŭropaj landoj, plendas, ke oni superŝutas ilin per petoj por interŝanĝo de poŝtkartoj aŭ poŝtmarkoj. Ni rememorigas, ke Delegitoj tute ne estas devigataj al tia servo. Ĝuste por tiu celo estis kreita Interŝanĝa Fako. Oni aliĝu al ĝi. Per tiaj petoj oni ofte senkuraĝigas fervorajn Delegitojn, kiuj volonte respondus pri seriozaj aferoj.

Cetere, el la pli ofta uzado de la servoj eltiriĝis ĝeneralaj reguloj, kiujn ni opiniis utile enkonduki en la projekton de nova Statuto.

*(Daŭrigota.)*

*La Direktoro de UEA.*

[1] Vidu „*Esperanto*", N-ro 12, paĝ. 192 (12).

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. Fratoj *Andisio*, florkomercistoj en Antibes, publike dankas al la ĉi-sube notitaj Del. por tre grava servo al ili farita: S-roj V. Hirszovski, Del. Varsovio; Ŝmurlo, Del. Riga; Illaŝeviĉ, Del. Kiew; J. Rukavicin, Del. Kazan; S. Szabunievicz, Del. Moskvo; F. M. Porosjukov, Del. Rostov; E. E. Pill, Del. Odessa. Pluan dankon al S-ro E. E. Pill pri gravaj ekstra-dokumentoj.

# Reciproka Informado

Ĉiu membro de UEA, kiu deziras ion scii pri *iu ajn temo* (komerco, turismo, libroj, institucioj, ktp.) skribu al ni sian demandon. Ni ĝin enpresos ĉi tie kun vica numero. Tre verŝajne inter niaj membroj, kiuj apartenas al plej diversaj medioj, landoj, profesioj iu povos respondi. Tiun respondon li bonvolu resendi al ni, kaj ni ĉi tie ĝin enpresos. Ni rezervas al ni la rajton mallongigi kaj aranĝi la tekston de la demandoj kaj respondoj kaj, eĉ tute forigi tiujn, kiuj estus kontraŭ la bonmoroj, la ĝeneralaj principoj de nia gazeto aŭ ne havus sufiĉe ĝeneralan intereson. La demandoj kaj respondoj estu kiel eble plej mallongaj kaj precizaj. Oni skribu ilin tre legeble sur apartaj paperfolioj aŭ poŝtkartoj, aldonante la numeron de la membrokarto de UEA.

## Demandoj

1. Mi serĉas verkon pri metodoj de skribekspertizo. — M. 1932.
2. Ĉu estas Esperanta libro pri liberpensado? — M. 8741.
3. Kie oni povas mendi internacian pasporton, t. e. pasporto kun diverslingvaj tekstoj? Utilus al mi kun tekstoj: itala, franca, angla, rusa, dana, sveda, norvega, holanda, germana, kaj se eble pola, finna kaj hungara. — M. 8571.

# Esperantia Vivo

**Fianĉiĝo.** S-ro *John F. Lochhead*, el Edinburgh, kun F-ino *Liny Christen*, el Burgdorf.

S-ro *St. Minkov*, Del. Sofia, kun F-ino *R. Stojanova*, instruistino el Šumen.

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Kapitano Bayol,** el Paris, fervora propagandisto jam de longe konata pro sia sindonema agado speciale ĉe la Ruĝ-Krucaj Societoj. Li fondis la „Francan Societon Esperanto-Ruĝa-Kruco", faris multe da propagandaj paroladoj kaj verkis en praktika maniero la gvidlibrojn Esperanto-Ruĝa-Kruco, kiuj ekzistas en naŭ lingvoj. La morto de Kapitano Bayol estas grava perdo por la franca Esp. movado.

**Otto Barban,** Esperantisto el Metz.

**Fauvart Bastoul,** el Dijon, membro de la Lingva Komitato.

**M. Bogdanović,** sekretario de la Esp. Societo en Zaporojje-Kamenskoje (Rusujo).

**Jules Bouche,** membro N-ro 7737, el Paris.

**Werner Gürges,** Esperantisto el Dresden. S-ro Gürges laboris kiel oficisto ĉe la Universala Esperantia Librejo dum la jaro 1912. Ni sincere simpatias kun liaj gepatroj.

**Alois Kušička,** membro N-ro 7854, el Plżen.

**Theodor Pyl,** membro N-ro 677, el Greifswald in Pommern.

**Karl Schrader,** Esperantisto el Metz.

**Robert Stetina,** Esperantisto el Plżen, prezidanto de la Laborista Societo.

**Vilhelmo Variš,** Esperantisto el Plżen.

# Esperantistaj militkaptitoj

*Tria listo*

*Bonabo*, Interneernigskamp, Harderwyk (Nederlando).
*Burger, Miklos*, el Hungarujo, civilkaptito, Fort de Lanvéoc, Chambre I, Crozon près Brest.
*Demey*, Interneernigskamp, Harderwyk (Nederlando).
*Jaroš, Karel*, el Praha, militkaptito en Tobolsk.
*Laguer, Sandor*, el Budapest, civilkaptito en La Rochelle.
*Penisson, Th.*, el Villeneuve St-Georges, Baraque 8, Altengrabow.
*Petit, Henri*, el Paris, Baraque 69, Göttingen.
*Petit, Georges*, el Paris, Baraque 6, Gardelegen in Altmark.
*Pinel, Robert*, el Paris, Baraque 6, Gardelegen in Altmark.
*Richter, W.*, el Praha, militkaptito en Tobolsk.
*Sedlacek, Josef*, el Bohemujo, civilkaptito en Ploermel (Morbihan, Francujo).
*Seurinck*, Interneernigskamp, Harderwyk (Nederlando).
*Szikszay, Elemer*, el Nograd Vörös, civilkaptito en Lanvéoc par Crozon près Brest.
*Zuber, Eduard*, el Pré St-Gervais, Baraque 3, Königsbruck.
*Zwanepuel*, Interneernigskamp, Harderwyk (Nederlando).

* * *

*S-ro Frasch, Robert*, Del. en Heilbronn, malaperis en norda Francujo.
*S-ro Säuberlin, Georg Max*, suboficiro, kunhelpanto ĉe la Esp.-paviliono en Leipzig, malaperis de post la 3 sept. ĉe Herbaville.

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj adreson de la militkaptitaj Esperantistoj, kies adreso estas konata.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO